# juna amiko

SEPTEMBRO 2011 N-ro 2/2011 (131)

INTERNACIA ESPERANTO-REVUO DE ILEI POR LERNEJANOJ KAJ KOMENCANTOJ




Jen la plej juna IIK-ano de la venonta jaro en Hanojo, Vjetnamio

Jen du personoj. Rigardu ilin! Kiaj ili estas? Kiun impreson ili donas al vi? Rakontu pri ili. Jen kelkaj ideoj:

| | |
|---|---|
| belaj/ nebelaj | kontentaj / malkontentaj |
| junaj / maljunaj | urbanoj / kamparanoj |
| dikaj / maldikaj | esperplenaj / senesperaj |
| junuloj / junulinoj | vestitaj / nevestitaj |
| disaj / kunaj | komfortaj / malkomfortaj |
| dormantaj / vekaj | sidantaj / starantaj |
| sanaj / malsanaj | ornamitaj / neornamitaj |

Sed, en kiu loko ili estas? Kie ili troviĝas? Malfacilas diri tion, ĉar la fono de la bildo estas nur verda. Imagu, kie ili povus esti? Ĉu en domo aŭ ekstere? Ĉu inter montoj, apud la maro aŭ en urba parko? Eble ili estas meze de densa ĝangalo, aŭ en dezerto kun multa sablo, aŭ sur tropika insulo kun multaj palmarboj.

Pretigu koloran bildon de ili. Kopiu la du personojn, kaj aldonu mem iun interesan fonon. Por krei vian bildon, turnu la revuon trifoje je naŭdek gradoj. Eble, kiam vi rigardos la bildon el alia direkto, vi venos al alia ideo pri la fono! Kiu el la kvar eblaj direktoj estas, laŭ vi, tiu intencita de Hajnal, la desegninto? Kiuj partoj de la bildo helpas al vi decidi tion?

Sendu al ni vian bildon! Ni lotumos premiojn el inter la plej bonaj bildoj. Hajnal (alinome: Hajni; Esperante: Aŭrora) helpos al ni decidi la gajnontojn – ni serĉos la plej belajn trans-desegnojn de la figuroj, sed ĉefe la plej fantaziajn aŭ okulfrapajn fonojn. Aldonu al la bildo tekston, kiu respondas kelkajn el la demandoj sur ĉi tiu paĝo. Aldonu vian plenan nomon, adreson, ret-adreson kaj vian aĝon kaj sendu la konkursaĵon ĝis la 30a de novembro 2011 al:

Rete: stefan.macgill@gmail.com kun temlinio: Bild-konkurso JA. Per fizika poŝto al „Bild-konkurso Juna amiko, Pannonia u 30.I.6, HU-1136 Budapest, Hungario."

# Novaĵa lavango

Unue, ni devas komuniki novaĵon, kiun eble multaj el vi ankoraŭ ne scias. Nia multjara redaktoro kaj fondinto de la revuo, Géza Kurucz, anoncis al ni sian deziron retiriĝi el la redaktora seĝo fine de la nuna jaro. Géza fariĝis por vi konato, eĉ amiko, tra la jaroj de pacienca, zorga kaj ĉiam akurata pretigado de nia revuo. Géza kaj mi ofte ŝercas, ke ni estas la 'maljunaj amikoj' ĉe la revuo. Sekve, estas komprenebla lia deziro retiriĝi el tiu senĉesa bezono respekti limdatojn, kaj ĝui meritatan 'emeritiĝon'. ILEI dankas ne nur la multjaran laboron, sed ankaŭ la fruan averton, kiu donis al ni tempon serĉi novajn solvojn. Ni povas anonci ke ILEI nun traktas kun kandidato por la redakcia posteno, kaj plie serĉas duan redaktoron kaj novajn rubrikestrojn; specife por nia rubriko LUME, kiu celas la plej etajn legantojn. Atendu baldaŭajn anoncojn!

Plia novaĵo. La komitato de ILEI decidis, ke ekde la 1a de januaro 2012 la abontarifoj de *Juna amiko* altiĝos. Jam de pluraj jaroj, nia revuo havas signifan deficiton (ĉ. mil eŭroj jare), kaj tiun ILEI simple devas malaltigi. Sed bona novaĵo: ĝis la jarfino ni akceptos pagojn por 2012 (aŭ eĉ 2013) laŭ la nunaj tarifoj. Do, kontaktu vian peranton kaj reabonu frue! Vidu la varbilon, kiun vi ricevos kune kun ĉi tiu revuo. La vera solvo por la deficito estas nomumi kapablan varban direktoron – tra la lastaj 15 jaroj ni senĉese serĉis tian personon, sed neniam trovis. Ĉu *VI* povus esti la serĉato?

Multaj novaĵoj ĉe ILEI! Ĝia 44a Konferenco okazis sukcese en la dana ĉefurbo, Kopenhago. Mankas spaco detaligi tion, kaj la multajn aliajn novaĵojn de la 'Ligo kun Igo'; do ni komuniku ilin koncize – eĉ tvite, aŭ prefere tvitete:

##  Tvitetoj de ILEI – Atutaj atingoj!

===Tvitetatutote ==============================

La 44a ILEI-konferenco altiris 103 personojn el 35 landoj – rekorde! Kadre de tio, altkvalita universitata simpozio esploris lingvajn rajtojn. La tria numero de Internacia Pedagogia Revuo (IPR) raportas amplekse pri ambaŭ. En la 12a-15a de aŭg., okazis la Unua ILEI-Seminario en Orienta Azio, kun 70 partoprenintoj el Ĉinio, Japanio, Koreio kaj Mongolio. 47-paĝa raporto aperis en la 30a de aŭgusto. Vidu ĝin ĉe www.ilei.info! Tritaga renkontiĝo fine de aŭgusto en Kinŝaso (DR Kongo), aktivigis ILEI-anojn. ILEI pretigas raporton kaj serion da du-lingvaj varbiloj prepare al la Ĝenerala Kunveno de Unesko kiu okazos oktobre en Parizo. Multlingva retejo de ILEI nun konstruata. ktp.

=============================== Tvitetatutite =====

Fina novaĵo! Unuafoje ni dediĉas naŭ revu-paĝojn al unu malkutima artformo. Vidu ekde paĝoj 11 kaj 20. Jen du tre malsamaj ekzemploj de la ĝenro. Informu nin pri viaj impresoj – ĉu tiaj prezentoj aperu denove en nia revuo?

Multajn novaĵojn vi ricevis en ĉi tiu revuo! Frandu la numeron kaj atendu nian trian numeron, laŭplane ekspedota antaŭ la jarfino. Ĝi estos por Géza la adiaŭa numero – kvankam, feliĉe, li konsentis plue kontribui, kunlabori kaj konsili. Sendu al mi (stefan.macgill@gmail.com) mallongajn salutajn, dankajn, bondezirajn mesaĝojn por Géza, ni aperigos plurajn el ili en nia tria numero!

Kore,

Stefan MacGill, alia redaktoro.

Nia retejo: www.junaamiko.inf.hu

ENHAVTABELO

# Konversaciaj temoj

help-materialo por ekzamenotoj

Rubrikestro: Judit Felszeghy

## I. Plano pri turista vizito al Belurbo

– La sekvan ĵaŭdon ni povos konatiĝi kun via loĝ-loko, se vi havos tempon prezenti ĝin al ni. Jam tiom multe vi rakontis pri tiu belega urbo, ke ni ĉiuj estas tre scivolaj.
– Konsentite! Ni rigardos la vidindaĵojn, la Ĉefan Preĝejon, la Malnovan Fortikaĵon, poste ni daŭrigos la konatiĝon kun…
– Ho, mirinda plano, sed ĉu tio ne estos iom enuiga por niaj infanoj? Vi ja scias, ke Anjo estas nur naŭjara kaj Steĉjo havas apenaŭ sep jarojn.
– Mi elpensis amuziĝon ankaŭ por ili! Post la tag-manĝo ni promenos tra la Urba Parko, kie estas multaj infan-ludiloj, dum ni – plenkreskuloj – rigardos la tieajn skulptaĵojn, promenante al la direkto de la Granda Banejo, kiu troveblas same en la Parko.
– Vi vere pensis pri ĉio, kara Paŭla!
– Kaj vi ankoraŭ ne scias pri la vespera programo, sed tio estu surprizo!

## II. La antaŭtagmeza programo

– Kiel impona estas tiu preĝejo! Sed ĉu ni povus iomete sidi/ripozi ie?
– Mi proponas ripozon ene de la katedralo. Ni eniru... Ho, la pordo estas ŝlosita…
– Ne gravas, Paŭla, ni povos sidiĝi ankaŭ sur iu benko… Steĉjo! Steĉjo, ne forkuru!
– Ni eniros ĝin tra iu flanka pordo. Mi nepre volis montri al vi la gotikajn partojn kaj la vitralojn de la iama katedralo. Johano, kion vi serĉas?
– Ĉu prefere ne sidiĝi en tiu kafejo apude? Kaj mi eluzos la okazon trovi necesejon, kiun mi vane serĉadas jam ekde la Malnova Fortikaĵo.

## III. Posttagmeze – senlace

– Anjo, prenu la maneton de Steĉjo kaj iru antaŭ ni. Tuj ni atingos la banejon.

– … kaj jen la statuo pri nia fama poeto, kiu estis la lasta verko de nia granda skulptisto. Pli fore videblas ruinoj, la mez-epokaj restaĵoj de monaĥejo el la 13a jar-cento, rigardu dume la ornamaĵon de la arka pordego. Ne, ĉi tie ne aĉeteblas biero, sed en la banejo ni trovos ĝin en la bufedo.
– Panjo, kie estas mia ban-kostumo?
– Anjo, Steĉjo iru kune, man-en-mane en la basenon por infanoj, sed laŭ la ŝtuparo, ne saltu en ĝin! Ne disŝprucigu la akvon Steĉjo, kondutu bone, mi petas vin!
– Kara Paŭla, ĉu vi nun malkaŝos, kiun surprizan programon vi elpensis por la vespero?

## IV. Vespere – surprize

– Post ŝanĝo de vestaĵo en mia hejmo, ni unue vizitos bel-etosan restoracion, kie vi havos la eblon gustumi la specialaĵojn de nia nacia kuir-arto. Fininte la vespermanĝon ni promenos en la urbo-centro kaj pied-iros al bonfama nokta amuziĝejo por daŭrigi tie nian programon per spektado de kantistoj kaj dancistoj, dume ankaŭ ni dancos kaj trinkos iom da likvoro.



– Paŭla, ĉu iom da pufmaizo?
– Dankon, unu saketo por mi sufiĉos. Kaj koka-kolaon.

– Mi preferas pat-kukon kun ajlo. Ni sidiĝu sur la ŝtuparo, komforta loko, tuj apud la rivero!
– Jes, kaj kiel agrable trempi la piedojn en la akvon!
– Tre bela estas via urbo, Paŭla, precipe nun, en nokta prilumo!

***TASKOJ:***

- *Komparu, kiuj vidindaĵoj estis en la plano de Paŭla, kaj kion vizitis ŝiaj gastoj!*
- *Kiom da gastoj havis Paŭla, kiuj ili estis kaj kio ilin interesis? Prezentu ilian deziron.*
- *Kiun lokon elektis Paŭla por vespermanĝi?*
- *Kie la kompanio finis la tagon? Kion ili faris tie?*
- *Preparu planon por prezenti vian ŝatatan urbon aŭ regionon!*
- *Prezentu al (imagita) gasto vian loĝlokon!*

*turisto:* homo vojaĝanta por plezuro aŭ sporto
*fortikaĵo:* fortika konstruaĵo por defendi lokon, urbon kontraŭ atakantoj
*poste*: pli malfrue
*mirinda* : io, kio meritas miron
*skulptaĵo:* figuro kreita per skulptado/formado el solida materialo
*parko:* taŭge flegata terspaco, kun arboj, arbustoj florbedoj, ktp
*programo (ĉi tie):* laŭtempe ordigita plano, kion fari aŭ kion partopreni
*surprizo:* miriga, agrabla sed neatendita afero
*impona:* plaĉa, granda, kaŭzanta admiron
*preĝejo, katedralo:* publikaj, religiemaj ejoj, plej ofte arkitekture elstaraj ↗
*gotiko:* arkitektura stilo mezepoka, karakterizata ankaŭ de sveltaj arkaj volboj
*vitralo:* fenestro el diverskoloraj vitro-specoj, formanta desegnojn
*vane:* fari ion sen rezulto, senutile
*statuo:* skulptita figuro de homo (aŭ besto) ordinare laŭ la normalaj dimensioj →
*poeto:* verkisto de ekz. Poemoj
*ruino:* restaĵo el disfalinta aŭ grave difektita konstruaĵo
*epoko:* jararo kiu havas propran karakteron historie, geologie, ktp. *Mez~:*476-1453
*arko:* objekto havanta formon de parto de cirklo aŭ de simila kurbo
*baseno:* artefarita kavaĵo por teni akvon por naĝi aŭ bani sin
*ŝprucigi (akvon):* rapide, forte eligi akvon en fluoj aŭ gutoj (vidu la bildon) ↘
*konduti:* agi iamaniere en siaj rilatoj kun aliaj homoj
*amuziĝejo:* loko por agrable/ gaje distri sin
*spekti:* rigardi kaj aŭskulti prezentaĵon en teatrejo, kinejo, cirko ktp
*likvoro:* alkoholaĵo farita el brando, aromaĵoj (frukto) kaj sukero
*gustumi:* esplori la sentojn kaŭzantajn de manĝaĵo aŭ trinkaĵo
*puf-maizo:* per seka varmego kuirita maizo, kiu tiel pligrandiĝas
*koka-kolao:* artefarita trinkaĵo, senalkohola
*pat-kuko kun ajlo:* plata, sala, fritita kuko spicita kun planto kun speciala odoro k gusto
*trempi:* meti ion en akvon aŭ alian fluaĵon







## LUME

LA UNUA MIRINDA ETAĜO



**Akurata**
**Anso**
**Bonorda**
**Descendi**
**Hospitalo**
**Ĥoro**
**Koŝmaro**
**Pluspago**
**Raketo**

Jen du listoj! Parigu la vortojn, kiuj havas la saman signifon... aŭ tre similan signifon. En Esperanto ni havas sinonimojn (samsignifajn vortojn). Verkisto havas elekton – ĉu uzi unu vorton aŭ alian!

Se vi ankoraŭ ne lernis legi bone, petu al parenco aŭ instruisto aŭ pliaĝulo legi la vortojn por vi.
Se vi ne komprenas vorton, petu al via helpanto preni Esperantan vortaron kaj legi al vi la difinojn. Kelkaj el la vort-paroj havas bildon. Ligu ankaŭ la bildojn!





**Tenis-batilo**
**Subeniri**
**Sen-difekta**
**Prem-sonĝo**
**Pordo-tenilo**
**Suplemento**
**Malsanulejo**
**Kant-grupo**
**Ĝustatempa**








Ĉu vi konas la Esperantan alfabeton? Se ne, petu al via helpanto skribi ĝin por vi. Rigardu la du listojn. Kia estas la ordigo de la vortoj? Se vi parigis la vortojn kaj bildojn, skribu vian rezulton kaj sendu ĝin al ni, kune kun via nomo, ret-adreso kaj aĝo. Ni lotumos premiojn! smg

# LUDE

LA UNIKA DUA ETAĜO



La rubrikon prizorgas: Mónika Molnár




## Bonvenon en nia domo

Post via helpo Scivolemulido finfine povis bone vidi la temperaturon sur la termometro. Ĉu ankaŭ via termometro aspektas same? Gratulojn!

Kaj kio pri la domo de la familio Purigema? Ĉu vi divenis, kiu ejo estas kiu? (Pli grandan planon vidu en la antaŭa numero de Juna Amiko.) La bona solvo por la ejoj estas: 1-kuirejo, 2-dormejo, 3-banĉambro, 4-koridoro, 5-salono




Kaj la estonta loĝejo de Ridemulido aspektos jene: lia loĝejo havos unu balkonon kaj unu kuirejon. Oni povos labori en la laborĉambro kaj dormi en la dormejo. Por lavi sin, ĝi havos unu duŝejon kaj unu banejon. La idoj havos infanĉambron, kaj la invitotoj gastĉambron. Por komunaj babiladoj kaj ludoj servos la grandega salono. Por eniri aŭ eliri la domon, oni uzos la en-/elirejon, kiun sekvas longa koridoro.



Scivolemulido kaj Ridemulido iom laciĝis dum la solvado de la taskoj. Por ripozeti iom, ili serĉis, kaj mirinde rapide eĉ trovis libretojn kun aliaj domaj historietoj. Jen, sekvu iliajn leg-aventurojn kaj inventu similajn ankaŭ vi mem! Ek al la leg' de „La urso" de Ĵonas Bilat. Amuziĝu bone! Vidu ĝin kolore ĉe <Lernu.net>.

Skribis kaj desegnis:
Jonas Bilat

# La urso



Estis foje pluŝurso,
kiu dormis la tutan tagon.





Li nur dormis, dormis, dormis
kaj estis kontenta.

Sed unu tagon
tio ne plu sufiĉis.



La urso ne plu kontentis.



Mi ne povas resti la
tutan tagon en la domo!



La urso ellitiĝis.
Kaj per decidaj paŝoj
ekiris eksteren.




Ekstere ĝi ne iris
malproksimen.
Ĝi iris nur ĝis
la apuda domo.


Kia bonŝanco!
Tie ĝi renkontis
afablan knabon.


La urso decidis
resti kun la knabo
kaj ĝi denove
estis kontenta.


Fino!



# LEGU kaj ĜUU

LEGU LIBROJN – PREMIOJ – KONKURSOJ

Rubrikestro: Małgosia Komarnicka
ul.Kilińskiego 14/3, PL-59-300 Lubin,
Pollando
malgosia.junaamiko@gmail.com



Ĉu vi ŝatas legi komiksojn (bild-rakontojn)? Kaj ĉu vi scias, ke iliaj komencoj reiras ĝis la mezepoko? Tiam estis kreitaj bildrakontoj, kiuj gloris heroajn agojn aŭ vivhistoriojn de sanktuloj. En la urba muzeo de Bayeux, Francio, estas videbla *la tapiŝo de Bayeux*. Ĝi estas brodaĵo, kiu prezentas la konkeron de Anglio fare de Vilhelmo la 1-a en la jaro 1066, ĉefe la batalon de Hastings, sed ankaŭ la ĉiutagan vivon de la loĝantoj de tiama Normandio. Ĝi konsistas el 58 scenoj kaj ĉiu sceno havas latinan komenton.

La disvastiĝo de la gazetaro en la 19-a jarcento kaŭzis populariĝon de bild-literaturo. Tiam oni komencis aperigi en la ĉiutaga gazetaro mallongajn bildstriojn. Oni opinias, ke la unua bildstrio ekestis en Usono en 1896. Ĝi nomiĝis *The Yellow Kid*, kaj estis kreita de Richard F. Outcault. Li rakontis aventurojn de *Flava Infaneto*. Ekde tiam ĉi tiu artospeco kaptas milionojn da legantoj kaj ĝuas nevelkantan popularecon.

Ĉu valoras legi komiksojn? En Pollando la nocio *komikso* ne havas pozitivan signifon kaj la legantojn de ĉi tiu literaturo oni ofte nomas *infanecaj* ... Mi ofte aŭdas opinion, ke la legado de komiksoj reduktas nian imagokapablon kaj ne riĉigas nian vort-trezoron. Mi ne konsentas kun ĉi tiu opinio, ĉar komiksoj, simile kiel libroj scipovas prezenti al ni kortuŝajn, emociigajn kaj eĉ tragikajn historiojn. Kaj kion vi opinias?

*[Vidu ekzemplojn de bildstrioj ekde p. 11 kaj p. 20. Eble tio helpos al vi decidi!]*

## KLUBO de BONA LIBRO

La Biblioteko de Juna Amiko por junuloj kaj infanoj kreskas dank' al viaj proponoj. Bonvolu sendi viajn proponojn de libroj, kiuj montras pozitivajn valorojn (ekz. toleremon, amikecon, apogon al malpli fortaj homoj), helpas kompreni vin mem kaj aliajn kaj ebligas adaptiĝi al nia iom malgaja realeco. La proponojn kun titolo, aŭtoro kaj mallonga rekomendo, sendu al la supra adreso aldonante la noton: Biblioteko de Juna Amiko. Vi trovos la jam rekomenditajn

proponojn en la paĝaro de la pola sekcio, kiu fondis la premiojn por la konkursoj de la rubriko: www.ilei.pl Klaku la butonon 'Juna Amiko'.

**Rekomendo:** Per sia propono al nia *Biblioteko de Juna Amiko* aliĝas el Kubo Jose de J. Campos Pacheco (E-instruisto kaj E-aktivulo). Li rekomendas la libron *Muminvalo* – novelaro ne nur por la infanoj, verkita de Tove Jansson, svedlingva finnlanda verkistino. La unua esperantlingva eldono aperis en 1984 en la traduko de Eckhard Bick el Danlando.



"La novelaron *Muminvalo* mi unue legis hispane, kiam mi estis infano kaj en 2010 mia amikino Adenjo Charriere donacis tiun libron al mi en Esperanto. Legante la libron ĉiu povas agrable amuziĝi. La Muminfamilio edukas infanojn pri la valoroj de amikeco kaj frateco. Verkante la novelaron la aŭtorino entreprenis grandan penon kontentigi la infanojn. Ŝi faris tion perfekte prezentante homajn ecojn en malgrandaj Muminoj. Tove Jansson kreis originalan kaj neripeteblan mondon plenan de toleremo kaj reciproka komprenemo, malproksima de maltrankviligoj de nia mondo. Ĉiu historio estas plena de humuro kaj bildigita per desegnaĵoj de la aŭtorino. Ĉi tiuj nigre-blankaj desegnaĵoj ankaŭ estas gravaj atutoj de la libro, kiun oni povas re- kaj relegi kaj ĉiam oni trovas en ĝi ion amuzan kaj interesan. En Kubo en la jaro 1986 estis gantopupaj serioj pri Muminvalo. En Tampere (Finnlando) estas Muzeo de Muminvalo. Vizitu ĝin kaj travivu denove aventurojn de koboldoj el Muminvalo."

Mi dankas al ĉiuj, kiuj skribis al mi pri la valoroj de la rubriko LEGU kaj ĜUU, precipe al Jose de J. Campos Pacheco el Kubo kun kiu mi intense korespondas kaj kiu skribis al vi rekomendon de sia ŝatata libro kaj jam en la sekva numero vi trovos belan legendon pri lia lando.

---------------

Skribante pri komiksoj mi decidis rekomendi al vi polan komikson, kiu jam havas 78 jarojn! En Pollando dum la intermilita periodo oni provis krei bildrakontojn. La unua pola komikso estas la historio de Koziołek Matołek* kreita de Makuszyński (verkisto) kaj Walentynowicz (desegnisto) en 1933. Ĝi prezentas nekredeblajn kaj neordinarajn aventurojn de Koziołek Matołek, kiu veturante unue tra Pollando kaj poste tra la mondo serĉas Pacanów**, lokon kie oni hufferas kaprojn. Kiam li atingas la celon, evidentiĝas, ke tie oni hufoferas tie ĉevalojn kaj la hufofaristoj havas familian nomon Kapro. Koziołek Matołek estas simpatia, iom naiva kaj stulteta, ofte komika kaj mallerta, sed tre antaŭ ĉio la rakonto komunikas al ni, ke foje atingo de la celo ne estas tiel grava kiel la vojaĝo mem. Ĝi montras, ke la vojaĝoj edukas kaj ju pli ni ekkonas la mondon des pli saĝaj ni fariĝas.

Malgraŭ ke de post la mortoj de ambaŭ aŭtoroj pasis jam jardekoj, kaj aventuroj de Koziołek Matołek ne similas al nuntempa realeco, ĝi daŭre estas kulta figuro de porinfana literaturo.
Mi aldonas, ke la sekreta loko Pacanów ekzistas reale. Ĝi estas vilaĝo en Sanktakruca Provinco en Pollando. En la jaro 2003 estis tie organizita festo okaze de la 70-a datreveno de la naskiĝo de Koziołek Matołek, kaj en 2005 estis fondita tie Eŭropa Centro de Fabeloj je la nomo de Koziołek Matołek, kies celo estas „instrui pere de ludo". Ne ekzistas pli bona loko por tiu agado ol Pacanów, kiun serĉis en la tuta mondo Koziołek Matołek.

Alvenu al Pollando kaj vizitu Pacanów por ekkoni la misteran mondon de fabeloj.

* legu Kozioŭek Matoŭek, esperante laŭvorte Virkapreto Stultuleto. ** legu Pacanuv

## EKKONU MIAN LANDON PERE DE ĜIA LEGENDO – KONKURSO ne nur por junaj legantoj

Hodiaŭ mi proponas forlasi Eŭropon kaj viziti Sudamerikon por ekkoni Brazilon. Ĝi estas la patrujo de mia amikino Marly Freitas (brazila E-aktivulino kaj E-instruistino), kiu helpis al mi prepari la legendojn kaj informojn pri sia lando.

Unue konatiĝu kun kelkaj informoj pri Brazilo kaj provu trovi ilin sur mapo kaj poste tralegu la legendojn kaj faru la konkursajn taskojn.

**Brazilo** estas lando en Sudameriko. Ĝi estas la kvina plej granda lando en la mondo kaj samtempe lando pri granda rasa kaj kultura diverseco. Brazilo okupas ĉirkaŭ 8.547.403 km² de nia planedo kaj havas plej grandajn riverojn kaj tropikajn arbarojn en la mondo (Amazonio), sed ne troviĝas altaj montoj kaj vulkanoj.

Brazilo estas dividita administre kaj politike en 26 subŝtatojn kaj 1 federacian distrikton en kiu troviĝas ĝia ĉefurbo Brazilio, moderna urbo inaŭgurita de prezidento Juscelino Kubitschek la 21-an de aprilo 1960. Brazilio estas la tria ĉefurbo de Brazilo. Ĝi havas grandiozajn konstruaĵojn, belajn domojn kaj la arto ĉeestas en ĉiuj lokoj.

Brazilo havas kvin geografiajn regionojn: la Norda Regiono, grava ekologia sistemo (la Amazona arbaro kaj Amazono, la plej granda rivero en la mondo); la Nordorienta Regiono, kun iomete arida klimato landinterne kaj kun pli milda temperaturo marborde; la Centrokcidenta Regiono, vastaj savanoj kaj grandega marĉa regiono (Pantanalo), kiu enhavas riĉajn faŭnon kaj flaŭron; la Sudorienta Regiono, kiu estas la plej industriigita regiono de la lando kun belaj urboj Rio-de-Ĵanejro, Sao-Paŭlo (financa centro de la lando) kaj Ouro Preto

(esperante: Nigra Oro), kie oni povas admiri la verkojn de Aleijadinho (la plej grava baroka skulptisto en Brazilo); kaj, finfine, la Suda Regiono, karakterizata de montara pejzaĝo kaj forta eŭropeca kulturo pro la plurlandaj enmigrintoj tie loĝantaj, kaj kie estas unu el la plej elstaraj akvofaloj de la mondo, Igŭacuo, deklarita de Unesko kiel mondheredaĵo pro sia natura beleco.

La nacia lingvo estas la portugala, sed la prononc-maniero kaj la intonacio estas tre malsamaj ol en Portugalio. La *brazila* estas pli mola kaj melodia kaj enhavas ankaŭ vortojn kaj parolturnojn de brazilaj indianoj kaj iamaj sklavoj el Afriko. Estas ankoraŭ multaj brazilanoj devenintaj de enmigrintoj, kiuj parolas la ĝermanan kaj la italan lingvojn, precipe en la urboj de la suda regiono.




Brazilo estas respubliko ekde 1889. De tiam dum malpli ol kvindek jaroj la lando estis sub demokratia reĝimo (de 1946 ĝis 1964 kaj de 1985 ĝis la nuna tempo). La brazila demokratio montriĝis vigla kaj fariĝas grava parto de la vivo de ties popolo.

Brazilo estas lando kun afabla rideto al la vizitantoj, ĉar ĝi konsistas el miksaĵo de diversaj rasoj. Pro tiu granda diverseco en Brazilo neniu sentas sin eksterlandano.

Brazilo estas do lando plena de riĉa kulturo, la popolo estas ĝoja kaj favora al novaĵoj kiel nenie en la mondo kaj ĉiu brazilano havas ereton de la mondo en sia sango. Ĉiuj, kiuj vizitis Brazilon intencas baldaŭ reveni, do vi ankaŭ alvenu kaj eksentu en via korpo entuziasmon de tiu gento.

La unua brazila Esperantisto estis d-ro Baggi de Araujo, supera juĝisto en la ŝtato Rio-de-Ĵanejro, kiu sciis Esperanton jam en 1896. En 1978 en la urbo Marília okazis la Unua Latinamerika Kongreso de Esperanto, kun 420 partoprenantoj el 11 landoj.

En 1981 en la ĉefurbo, Brazilio okazis la 66-a Universala Kongreso de Esperanto kaj en 1988 en Kampos do Jordao ankaŭ SAT okazigis sian 61-an Kongreson. En Brazilo kelkaj lokaj kaj regionaj radiostacioj disaŭdigas programojn en kaj pri Esperanto. Tio kaŭzas grandan intereson pri Esperanto en la lando.

[La mapo estis prenita el Vikipedio http://eo.wikipedia.org/wiki/Sub%C5%9Dtatoj_de_Brazilo]

## Legendo

Post kiam vi jam iom ekkonis Brazilon tralegu nun belajn legendojn. El ili vi ekscios kial Brazilo ne nomiĝas Terra de Santa Cruz kaj kion donacis Mani.

### Kiu estas la origino de la nomo Brazilo?

En la jaro 1500 sperta portugala navigisto Pedro Alvarez Cabral navigante al Hindio devis pro malbonaj veterkondiĉoj ŝanĝi kurson de la ŝipo kaj tiel li eltrovis novan teron, kiun li nomis *Terra de Santa Cruz* (*Lando de Sankta Kruco*). La eltrovita teritorio abundis je arboj, nutraĵoj, sensala akvo, kotono kaj setlejoj de pacaj indiĝenoj. Baldaŭ okazis, ke la plej valora trezoro de la eltrovita tero estas arbo nomita de la portugaloj *pau brasil* kaj de indiĝenoj Tupis per la nomo *Ibirapitanga* (*ruĝa arbo*). El la trunko de tiu arbo, oni eltiradis ruĝan tinkturon uzitan por kolorigi vestojn. La portugala nomo *pau brasil* devenas de *paŭo* - ligno kaj *brasa* - fajra karbo.



La eksplorado de ruĝa arbo estis la unua ekonomia aktiveco de Portugaloj en Ameriko kaj la nomo *pau brasil* estis pli frue utiligita por priskribi tiun trovitan arbon, kiu produktis ruĝan tinkturfarbon kaj estis perfekta, ĉar ĝi ne putras kaj eĉ insektoj ĝin ne atakas. Kaj tiel jam en la 16-a jarcento la *Lando de Sankta Kruco* komencis nomiĝi Brazilo

Hodiaŭ la arbo estas tre rara kaj endanĝerigita speco. La mirinda ruĝo de la ligno povas esti observata en tiu plenkreska ekzemplero en la Botanika Ĝardeno de Rio-de-Ĵanejro.

[La foto estis prenita el Goole-Figuroj de Marly Freitas]

### Diino Mani

Iun tagon en la familio de brazilaj indiĝenoj Tupioj naskiĝis blanka knabineto. La gepatroj nomis ŝin Mani. La knabino estis bela, flue parolis kaj marŝis.

Indiĝenoj el multaj aliaj triboj venis por vidi ŝin. Kiam ŝi havis unu jaron ŝi mortis sen sufero kaj malsano. La gepatroj entombigis ŝin laŭ sia moro ene de la domo kaj akvumis la tombon per siaj propraj larmoj. Iun tagon ili rimarkis, ke el la tombo de Mani kreskas verda planto, kiun ili neniam vidis. La planto rapide kreskis, do la gepatroj decidis elfosi ĝin el la tombo kaj tiam anstataŭ ostoj de sia filino ili trovis brunajn tuberojn kolore similajn al la vizaĝoj de infanoj de indiĝenoj kaj la eno de la tuberoj estis blanka kiel la vizaĝeto de Mani. La tuberoj estis manĝeblaj kaj de tiu tempo ili fariĝis la ĉefa nutraĵo de malriĉa tribo kaj hodiaŭ en Brazilo eble ne ekzistas eĉ unu persono, kiu ne ŝatus pladojn el tiu bongusta planto. La planto nomiĝas Manioko*, kiu en la lingvo de la indiĝenoj Tupioj (en la tupia lingvo) signifas *Mani en la domo* kaj Mani fariĝis la diino de Tupioj.

*Manioko enhavas multe da amelo kaj estas tre nutra, sed ĝi enhavas ankaŭ venenon, kiu devas esti forigita antaŭ la konsumado. Tial oni ne manĝas krudajn tuberojn, sed senŝeligas la tuberon, poste prilaboras kaj surmerkatigas ĝin kiel tapiokon. Ekzistas du specoj de manioko. La dolĉa manioko, konata en Brazilo kiel *aipim* estas uzata en nutraĵoj. Ĝi enhavas malmulte da veneno. Alia speco de manioko estas maldolĉa (nomata ankaŭ amara) manioko. Ĝi enhavas pli grandan kvanton da veneno kaj estas uzata por produktado de faruno. Per kuirado oni forigas la venenon el ambaŭ specoj.

La konkursa tasko estas jena: Skribu la nomojn de ĉiuj najbaraj landoj de Brazilo kaj kreu demandojn pri la legendoj. La konkursan taskon bonvolu sendi kun via nomo kaj adreso ĝis la 30a de novembro 2011 kun indiko 'Konkurso – legendo'.

---------------

Finante la rubrikon mi enmetas la belan poemon de Julian Tuwim, kiun esperantigis Danuta Kowalska.

## BIRDO

Sur branĉeton bird' eksidis
ekpepetis, eksvingetis,
en plumaron frotis bekon,
ekbalancis la arbeton.

Ĝi forflugis kun pepado,
la branĉeto eksvingita,
gajon montris kun tremado
esti tiel balancita.



*La ĵusa rubriko demandis ĉu bildstrio estas valida artformo – kaj ĉu nur por infanoj. Sekve, ni pensis, ke ni prezentu ekde la sekva paĝo nuntempan ekzemplon, kiun ni tradukis el la hungara originalo. Ĝin desegnis kaj verkis Karina MacGill, kiun vi jam ekkonis pere de bildoj en nia dua kovrilpaĝo en la lastaj revuoj. Ŝi aktivas en internaciaj retoj de bildstriaj aŭtoroj kaj amantoj.*

Nia krucenigmo havas ĝeneralan temon --- ĉe numero 6. La specifa temo estas kunmetita vorto, trovebla ĉe 7 (horizontale) kaj 14. Tio estas la unua kaŝita vorto. Dua kaŝita vorto troviĝas ĉe 19 kaj 5 – temas pri kunmetita vorto kaj ĝi nomas ion ofte uzatan en la objekto nomita per la unua kaŝvorto. Bonan solvadon!

# KRUC-ENIGMO




(R): uzu nur la radikon kaj ne la tutan vorton

**Horizontale →**

1. Malgranda ruĝa frukt' (R)
6. Pentrado, muziko, teatro, danco, verkado...
7. Komenco de la unua kaŝita vorto (kune kun 14)
10. Granda arb' uzata dekoracie je Kristnasko (R)
12. 'En ordo!', 'Konsentite!'
13. '_____ vi iras?' Alivorte: 'Kiun lokon vi celas?'
14. Fino de la unua kaŝ-vorto (kune kun 7 horizontale)
16. Kiu estas ____ preciza temo de ĉi tiu krucenigmo?
17. Personoj, kiuj rapide iras sur glacio.
19. Komenco de la dua kaŝita vorto (kune kun 5)

**Vertikale ↓**

2. Ronda helpil' ĉe veturilo. (R)
3. Grup' (nur sufikso, sen finaĵo)
4. Mallongigo: Ministerio pri Tre Amuzaj Irmanieroj.
5. Fino de la dua kaŝita vorto (kune kun 19)
7. Kiel bele aranĝita arbareto en parko
8. La 44a ILEI-Konferenco okazis ____ la 17a kaj 23a de julio ĉi-jare.
9. Kapablo. En la kreo de bona (unua kaŝita vorto) necesas granda _________.
11. Neviraj.
13. Ni helpos al vi ek____i kelkajn sekretojn pri (unua kaŝita vorto plurale)
15. Pro iu kialo.
17. Sao Paulo (mallonge)
18. Refreŝiga trinkaĵ', farita el sekigitaj folioj. (R)

Sendu la solvojn al ni ĝis la 30a de novembro, (la du kaŝvortojn kaj la temon); ni lotumos premiojn.

smg

# Arbara aventuro – ĉasa miraklo!

Tri ĉasistoj eniras arbaron, kun tri ĉashundoj kaj pafiloj.



Ili jam trafis kelkajn cervojn...



...kaj gaje babilis pri la ĝisnuna ĉasado.



Subite...









Hundoj reagas... ... same la cervo.













Apro subite atakas - malaperis la klara celo!

Kuglo maltrafas.







La apro plue atakas.

Sagoj ekfugas.

Plantoj eknaskiĝas.








Kiu pafas la plantnaskajn sagojn?



La apro pritraktis la homojn kaj turnas sian atenton al la hundoj, ĝis...







La ĉasistoj apenaŭ imagas, kio okazas...













Subita miraklo...



La ĉasistoj estas grekaj dioj, Zeuso, kaj liaj du filoj. La du restantaj dioj transformas sin al strigo kaj pasero, kiuj forflugas inter la kugloj...




MI AVERTIS, KE ESTIS NEBONA IDEO PRENI HOMAN FORMON POR ĈASI EN LA ARBARO DE ARTEMISO!
KIAL VI TIEL RIGARDAS?
STRIGO SAĜ-SUPERBA!? TUTE NE... PASER-CERBA!

## Bildstrioj – valida artformo por homoj de ĉiu aĝo!

Jen ni montris tipan nuntempan bildstrion. Certe, ne por infanoj! Ni ja volis prezenti rakonton pri la greka diino, kiun ni konigis al vi komence de la antaŭa numero. Sed kompreneble, ni ne volis malkaŝi tion al vi antaŭ ol via lego de la bildstrio. Ŝia subita apero meze de la rakonto devis esti granda surprizo – ĝi tute transformas la skalon kaj tipon de la rakonto.

Estas eble, ke la bildo sube sur paĝo 23 ŝokis vin. Sed, kiam vi finlegis la rakonton, vi komprenas, ke ne temas pri veraj ĉasistoj, sed pri grekaj dioj, kiuj prenis homan formon. Dioj supozeble scias reveni de la morto. Ĉu vi komprenis la miraklon meze de paĝo 25? Por kompreni ĝin (antaŭ ol legi la tekston) zorge rigardu la bildon. Rimarku, ke la vestaĵoj de la ĉasistoj vidiĝas. La 'homoj' forlasis ilin por fariĝi birdoj.

Bildstrioj estas ne nur por infanoj! Nek por komencantoj. Necesas multfoje rerigardi ilin, por kapti nuancojn. Ekzemple, vidu en tiuj du bildoj pri la transformo. Zeuso kaj la strigo havas saman kap-teniĝon, la strigo ŝajne havas 'barbon' same kiel Zeuso. Rimarku, ke la maldekstra mano de Zeuso eliras el la bildkadro – same la flugilo de la strigo en la sekva bildo. Tio indikas, ke inter tiuj du figuroj estas ia ligo. Rigardu sur la apuda paĝo. Supre vi vidas la strigon kaj la paseron. Rigardu la diojn en la bildo tuj sube de tio. Vidu la piedojn de la pasero – la manoj de la filo de Zeuso havas la saman fingro-pozicion. La kapoj de la filo kaj la pasero rigardas samdirekte. Simile, la kaprigardo de la strigo kaj Zeuso samas.

La originalo de ĉi tiu bildstrio estis verkita en la hungara. La originalo de la lasta 'frap-linio' aludas al bone konata hungara diraĵo ... preskaŭ proverbo. La hungara estis: 'Bagoly mondja verébnek...' kaj ĉiu hungaro scias fini la diraĵon: 'Strigo diras la pasero,... ke ties kapo estas tro granda!' Do, por la Esperanta versio, ni devis trovi alian solvon, kiu esprimas ion similan kaj kiu ja sonu iom proverbece.

Entute, la desegninto kaj redakcio esperas, ke (eble!) al vi plaĉis la verko!

**Kun via *Juna amiko* vi trovos varbilon. Eble kelkajn! Disdonu ilin al amikoj! Varbu legantojn por nia revuo! Varbu membrojn por ILEI. Ne tro fruas jam trovi por ni novajn membrojn kaj legantojn por 2012!**

# INTERNACIA JARO de ARBAROJ

## kaj KONKURSO: PRI KIO REVAS ARBOJ



INTERNACIA JARO DE ARBAROJ – 2011

*Arbaro asocias en mi ripozon en herbejo inter arboj kun proksimeco kaj beleco de la naturo, kantado de birdoj, susurado de folioj, sed ankaŭ magion kun koboldoj kaj infanaĝon. Estas ankaŭ aliaj asociadoj:* ***poluado****, hakado de arboj... Kaj kion asocias en vi arbaro? Ĉu vi ŝatas ĝin?*

*Pensante pri arbaro, ni ofte forgesas pri la grava funkcio, kiun ĝi plenumas, nome ke ĝi ensorbas karbonan dioksidon el la atmosfero, kio* ***kontraŭ-agas*** *la forcejan efikon. Ni ne pripensas, kiom da arboj oni devas planti por ekvilibrigi la kvanton de karbona dioksido, kiun emisias niaj aŭtoj ...*

*Unuiĝintaj Nacioj proklamis la jaron 2011 Internacia Jaro de Arbaro. Nehazarde en la centro de la logoo troviĝas homo kaj la ĉefa slogano de la kampanjo estas* ***Arboj por homoj****. Necesas konsciigi al ni mem kiel grandan signifon havas arbaroj en nia vivo. Simile al la arboj, ni ankaŭ estas parto de la naturo. De ni dependas, ĉu la arbaroj estos bazo de nia prospero aŭ ni venigos la mondon al ekologia katastrofo.*

*Ekzistas firma ligo inter sanaj arbaroj kaj sana medio. Ni devas ekkonscii kiel gravegan signifon havas arbaroj en nia vivo kaj ilia protektado estu grava por ĉiu el ni.*

*Arbaro estas la tereno de aro da vegetaĵoj. Ĝi havigas al ni lignon, medikamentojn kaj aliajn vivbezonaĵojn, mildigas la klimatajn kondiĉojn kaj estas gravega akvocirkula reguligilo kaj produktanto de oksigeno.*

*Sistema ekstermado de arboj kaŭzas inundojn, erozion de grundo, morton de vegetaĵoj, bestoj, birdoj, insektoj... ofte raraj kaj protektataj.*

*Juna Amiko aliĝas al la ĉi-jara Internacia Jaro de Arbaroj kaj organizas konkurson:* ***Pri kio revas arboj****. Ni deziras, ke vi montru, kion donas al ni arbaro, kaj kion ni povas doni al arbaroj, por ke ili akompanu nin kiel eble plej longe. Ĉiu el ni vidas la mondon alie, do ĉies prezento estos alia, tial vi elektu liberan teknikon por via verko. Vi povas sendi foton, verki rakonton, poemon aŭ kanton, desegni aŭ pentri, aŭ uzi alian teknikon.*

***Valoraj premioj atendas vin.*** *Sendu viajn laboraĵojn kun indiko:* Konkurso – arbaro *ĝis la fino de la jaro al la adreso: Silezia Esperanto-Asocio, str. St. Dubois 3/1, PL 50-208 Wrocław, Polska. Samtempe ni informas, ke ĉiuj konkursaĵoj estos prezentitaj en la bela lokalo de la Silezia Esperanto-Asocio en Vroclavo kaj pruntendonotaj al Urbaj Bibliotekoj en kelkaj polaj urboj.*

*Małgosia Komarnicka, Pollando*

***Roger Gotardi***

# La leporo kaj la rano*

*Omaĝe al mia forpasinta avo Antonio Gotardi*

Iam, antaŭ multaj multaj jar-miloj, la bestoj sci-povis paroli.

En tiu praa tempo, vivis en la praarbaro nekalkulebla nombro da bestoj el ĉiuj specioj . Ili vivis amike kaj harmonie, krom la egoisma kaj fiera leporo, kiu fanfaronis, ke ĝi estas la plej rapida kaj lerta el ĉiuj bestoj de la praarbaro.

Se iu kritikis ĝin pro ĝia fikonduto, la leporo kutime defiis la kritikanton vetkuri por pruvi sian superecon. La malvenkinto kaj ties tuta specio devus kapo-klini kaj submeti sin al la kapricoj de la venkinto. Pro tio, timante pri sia sukceso, ĝis nun ankoraŭ neniu besto akceptis la defion, nek trovis rimedon doni lecionon al la fanfaronema leporo.

Sed venis tago, kiam malgranda rano, ne plu toleranta la fi-leporon, aŭdacis defii ĝin ĉe severe samaj kondiĉoj.

– Akceptite! – tuj jesis la mireganta leporo, kiu aldone arogantis jene:

– Mi povus atendi ajnan beston por kur-defio, escepte iun naŭze humid-haŭtan ranon, kia vi!

Sen rebati la humila rano ekparolis pri la defi-detaloj, kaj poste saltetis for, jam mense konstruante sian mirindan planon.

En la difinitaj tago kaj horo, la rano kaj la leporo staris en la antaŭe difinita loko, kiu plen-plenis. Aŭdiĝis muĝoj, henoj, bojoj, mekoj, kveroj kaj iaojn; gruntoj, hurloj, beoj, kriĉoj, kokerikoj kaj miaŭoj; zumoj, pepoj, klukoj, ululoj kaj rukuloj; kaj aŭdiĝis pluraj kaj pluraj aliaj blekoj; nur kvakoj ne aŭdiĝis...

Kaj jen la best-amaso silentiĝis, por aŭskulti la interparolantojn:

*Daŭrigo sur la sekva paĝo*

*asocii:* veki ideon pri grupiĝoj / *atmosfero:* aero ĉirkaŭ la ter-globo / *cirkuli:* rond-ire senhalte moviĝi / *ekstermi:* tute detrui, pereigi / *emisii:* ellasi / *erozio:* forigo de parto de ter-surfaco / *forci:* kultivi plantojn subvintre / *funkcio:* aparta servo de io / *inundo:* superakvego / *karbona dioksido:* $CO_2$ / *katastrofo:* subita, tre malfeliĉiga okazaĵo / *klimato:* veteraj kondiĉoj de iu regiono / *logoo:* simbola insigno de iu grava aranĝaĵo / *magio:* miriga efiko / *medio:* tio kio ĉirkaŭas nin / *medikamento:* kuracilo / *polui:* malpurigi medion / *proklami:* publike anonci / *rara:* alt-valora pro sia malofteco / *revi:* imagi tion, kion oni forte deziras / *slogano:* frap-frazo / *sorbi:* entiri likvaĵon per enspiro / *susuri:* eligi sonon malfortan / *vegetaĵo:* kreskaĵo: plantoj, arboj, arbustoj...

– Mi cedas, ke vi konkursu laŭ la kurvojo ne kovrita de vegetaĵoj. Mi, male, trakuros la densan veprejon laŭ la riverbordo –, firme diris la rano kun disbrilo en la okuloj.

– Haha! Vere ridige! Tiu-okaze mi atendados vin flosante man-sub-kape kaj ventr-al-ĉiele sur la river-golfeto! – impertinentis la leporo ankoraŭfoje. – Sed kiel mi scios, ke vi estas kuranta? Min ĉiuj vidos, sed vin... –, demandis la leporo.

– Nu, vi rajtas kiam ajn voki min, kaj tiam mi respondos. Laŭ mia kvako vi povos mezuri la distancon, kiu apartigas min de vi.

– Certe! – konsentis la leporo.

Interkompreninte sin reciproke, la leporo kaj la rano estis pretaj por la defio.

Je akra ĉirpo de cikado la leporo sin pafis for tra la senobstakla kurvojo, dum la rano zigzage pelis sin eksalte en la unuan arbetaĵon, antaŭsignante venkotecon.

La spektanta bestaro jam malesperis kaj vekriis.

Sed jen la superruza rano ekrealigis sian mir-ideon: tra la tuta apudrivera vojeto, post ĉiu arbetaĵo, laŭ-vice kolektiĝis po unu rano, kiu je la kvako de la atingonta, eksaltis al la sekva, kaj tiel plu... ĝis la alvenpunkto.

– Rano? – kontrole demandis la leporo.



– Kvak! – de antaŭe responde blekis rano.
– La leporo streĉis ĉiujn siajn muskolojn kaj redemandis:
– Rano?
– Kvak! – refoje respondis la rano.
– Ĉu?? – malkredis la malvenkanta leporo.
– Kvak! Kvak! – reblekis la rano, pli kaj pli distanciĝanta.

La leporo klopodegis alsprinti, sed ŝajnis al ĝi, ke ju pli ĝi urĝigas sin, des pli antaŭe kaj venk-anonce sonas la intermitaj kvakoj de la rano.

Fine, spir-halte alvenis, kiel dua, la hontoplena leporo, kiu falis elĉerpita.

Ekde tiam, ĉiuj bestoj de la praarbaro povis vivi tute en paco, inkluzive la leporon, ĉar la venkinto ne postulis sian vet-gajnaĵon.

* adapto de rakonto de mia avo (RG)

*aroganta:* ofende fiera / *aŭdaci:* esti tro kuraĝa / *bleki:* beste paroli / *cikado:* akre ĉirpanta insekto / *ĉirpi:* eligi akran sonon de insektoj / *defii:* inviti al konkurso, kiu montros ies superecon / *egoismo:* troa memamo / *fanfaroni:* fiere supertaksi sin / *humida:* entenanta akvon / *impertinenta:* maldece malrespekta / *inkluzive:* enhavante la koncernan aferon / *intermiti:* regule interrompiĝi / *kaprico:* subita, neantaŭvidebla volo / *kontroli:* esplori, ĉu io estas tia, kia ĝi devas esti / *kritiki:* elmontri la mankojn de iu aŭ io / *menso:* penso- kaj memor-centro / *muskolo:* movilo de korpopartoj / *naŭzi:* estigi malamegon / *obstaklo:* baraĵo / *omaĝo:* honora respekto / *specio:* subdivido de genro / *sprinti:* tre rapide kuri / *streĉi:* forte tiri / *urĝi:* vigle plirapidigi / *vegetaĵo:* kreskaĵo / *vepro:* densa kaj dorna aro da kunkreskantaj arbustoj / *zigzagi:* iri ne rekte, tien-reen, tien-reen

La bestoj ankaŭ nuntempe parolas, ili komprenas unu la alian, sed la homoj ne ĉion komprenas. Ni povas distingi nur ilian „lingvon”. Ankaŭ vi ellernu la nomojn kaj parolojn de kelkaj konataj bestoj.

| | | |
|---|---|---|
| *bovo* ***muĝas,*** | *ĉevalo* ***henas,*** | *hundo* ***bojas,*** |
| *kapro* ***mekas,*** | *turto* ***kveras,*** | *azeno* ***iaas,*** |
| *porko* ***gruntas,*** | *lupo* ***hurlas,*** | *ŝafo* ***beas,*** |
| *akcipitro* ***kriĉas,*** | *koko* ***kokerikas,*** | *kokino* ***klukas,*** |
| *muŝo* ***zumas,*** | *pasero* ***pepas,*** | *kato* ***miaŭas,*** |
| *strigo* ***ululas,*** | *kolombo* ***rukulas,*** | *rano* ***kvakas*** |

# LUDU PER KARTOJ KIEL JAPANOJ

En Japanio diversaj kart-ludoj estas popularaj. En tiu, kiun ni prezentas ĉi-sube troviĝas du specoj de kartoj: *bild-kartoj* kaj *fraz-kartoj*. La bildkartoj estas dismetitaj sur planko aŭ tablo. La ludantoj sidas ĉirkaŭe. Leganto legas frazkarton kaj la ludantoj serĉas la koncernan bildkarton, kaj kiu trovas ĝin la unua, tiu povas ĝin preni. Tiamaniere ili konkuras, kiu akiros la plej multajn kartojn.

La ĉi-suba Esperanto-kartludo similas al la supra tradicia japana kartludo. La iniciatintoj celas esperantistojn kaj volas uzi ĝin por vort-memorigado.

Laŭ la legita frazo trovu la bildon kaj tuj diru la nomon de la besto en Esperanto.

Faru similajn kartojn kaj ludante lernu multajn vortojn!

*Jasuo Hori, Bin Arai, Jutaka Naitoo (desegninto)*

| | |
|---|---|
| ***A*** | Tiu ĉi animalo havas disbranĉajn kornojn kaj loĝas en arbaro. |
| ***B*** | Oni povas rajdi sur tiu ĉi animalo, kiu henas. |
| ***C*** | Tiu ĉi animalo ekzistas nur en la homa imago. |
| ***Ĉ*** | Tiu ĉi animalo laboras per sia longa rostro, la nazo. |
| ***D*** | Tiu ĉi malgranda insekto estas simbolo de diligenteco. |
| ***E*** | Tiu ĉi insekto aperas kiel maldiligentulo en la fabelo de Ezopo. |
| ***F*** | Tiu ĉi animalo loĝas en Afriko kaj havas longan kolon. |
| ***G*** | Tiu ĉi animalo estas la plej malnova amiko de homoj. Ĝi bojas. |
| ***Ĝ*** | Tiu ĉi animalo povas ŝanĝi la koloron de sia haŭto. |
| ***H*** | Tiu ĉi animalo estas speco de lacertoj en tropika pluvarbaro. |
| ***Ĥ*** | Tiu ĉi animalo havas alian nomon "amerika leopardo". |
| ***I*** | Tiu ĉi animalo estas nomata kiel "ŝipo en dezerto". |
| ***J*** | Tiu ĉi animalo estas nomata "la reĝo de animaloj". |
| ***Ĵ*** | El sinkanta ŝipo tiu ĉi malgranda animalo forkuras la unua. |
| ***K*** | Tiu ĉi birdo kantas bele same kiel ugviso en Japanio. |
| ***L*** | Tiun ĉi belan fiŝon oni havas hejme en akvario. |
| ***M*** | Tiu ĉi animalo vivas nur en Ĉinio kaj manĝas bambuajn foliojn. |
| ***N*** | Tiu ĉi malbela besto kvakas en lageto. |
| ***O*** | Tiu ĉi longa animalo aperas en "Eta Princo" de Saint Exupéry. |
| ***P*** | Tiu ĉi fiŝo aperis en la filmo "Makzelo" kiel hommanĝa fiŝo. |
| ***R*** | Tiu ĉi animalo konkursis kun leporo en fabelo de Ezopo. |
| ***S*** | Tiu ĉi granda animalo loĝas en arbaro kaj ŝatas mielon. |
| ***Ŝ*** | Tiu ĉi animalo estas simbolo de ruzeco. |
| ***U*** | Sur stratoj oni povas vidi desegnaĵon similan al tiu ĉi animalo. |




***Vi povas kontroli viajn solvojn sur la sekva paĝo.***




***Ĝustaj solvoj de la kartludo:***

**A – cervo, 17 B – ĉevalo, 18 C – drako, 15 Ĉ – elefanto, 14 D – formiko, 22 E – grilo, 21 F – ĝirafo, 23 G – hundo, 20 Ĝ – kameleono, 19 H – igvano, 4 Ĥ – jaguaro, 7 I – kamelo, 10 J – leono, 9 Ĵ – muso, 11 K – najtingalo, 16 L – orfiŝo, 24 M – pando, 13 N – rano, 12 O - serpento, 3 P – ŝarko, 2 R – testudo, 8 S – urso, 6 Ŝ – vulpo, 5 U – zebro, 1**

# LINGVA DOKTORO

## Pri la sufikso *-UM*



Inter la afiksaro de Esperanto *–um* okupas unikan lokon. Ĉiuj prefiksoj kaj la ceteraj sufiksoj havas klare difinitan sencon, *-um* estas la sola escepto. Ĝi modifas la sencon de la vortradiko divers-maniere. Oni devas lerni ĉiujn um-derivaĵojn, kvankam ekzistas kelkaj similaj, kiel vi vidos sube.

UM estas uzata ankaŭ memstare. Per ĝi oni anstataŭas vorton, kiun oni ne konas aŭ ne ekmemoras tiu-momente. Ekzemploj: *Donu / montru al mi tiun umon. Ili disputis kaj umis laŭte kaj senhonte.*

Unue ni rigardu la plej oftajn um-derivaĵojn. Pluraj esprimas vestaĵon (aŭ ĝian parton) aŭ objekton de iu korpoparto: *manumoj* kaj *kolumo* de ĉemizo, *kalkanumoj* kaj *plandumoj* de ŝuoj, sandaloj, *krurumo* de boto, *orelumoj* (orelŝirmiloj), *nazumo* (okulvirtoj risorte fiksitaj al nazo), *busŝumo* (ŝirmilo kontraŭ bakterioj kaj venenaĵoj).

Kelkaj um-vortoj esprimas diversajn manierojn de mortigado: *pendumi, ŝtonumi, palisumi, radumi, elektrumi, krucumi, vipumi.*

Aliaj um-aĵoj ne estas facile grupigeblaj. Mi donas kelkajn el ili kun simplaj difinoj kaj poste mi vicigas aron da vortoj, kies sencon bonvolu serĉi en vortaro.

Ekzemploj: *sunumi* sur riverbordo, malfermi fenestron kaj *aerumi* ĉambron, *akvumi* plantojn, dormi *proksimume* 5 horojn, 111 de *duuma* nombrosistemo egalas 7 en la *dekuma* nombrosistemo.

Kaj fine, mi donas vicon da vortoj. Bonvolu fari per ili simplajn frazojn. Se vi ne konas ilian signifon, konsultu vortaron.

*ventumi (ventumilo), somerumi (somerumejo), amindumi, kolombumi, seksumi, ĝardenumi, kafumi, bierumi, okulumi, palpebrumi, esperantumi, tendumi, cerbumi, saĝumi, frenezumi, foliumi, kvaronumi, dekumi, ombrumi, kortumo, serpentumi* (aŭ *serpenti*), *butonumi* (lastatempe oni preferas la formon *butoni*), *malvarmumi, mastrumi, gustumi, nervozumi, komunumo, cicumo, sapumi, arbarumi, ombrumi, radiumi, laktumo, padumi, drogumi*

# humuro

Majstraj desegnaĵoj de ***Pavel Rak***
pri esperantismo kaj esperantistoj,
kiuj estas kompreneblaj sen teksto, ĉu ne ?
















*Malgraŭ la supre diritaj, tamen ni aldonas niajn vortojn. Ni scivolas, ĉu vi samopinias?* (Vidu paĝon 47.)

## Ĉu vi scias, ke...

- la homaro konas vitron de antaŭ 4500 jaroj.
- la plej malgranda arbo estas la skota nanosaliko. Ĝi estas 2,5 centimetrojn alta.
- ke ĵusnaskita kanguruido havas 1 gramon.
- la radikaro de figarbo estas 120 metrojn longa.
- unu ĉeĥo dum unu jaro meznombre trinkas 162 litrojn da biero.
- sen ŝiriĝi unu homa kapharo povas pendoteni aĵon pezan je ĉ. 3 kilogramojn.
- la plej longa tunelo (en Japanio) havas 53,8 kilometrojn.
- la plej profunda punkto de la oceanoj troviĝas 10,91 kilometrojn sub la mar-nivelo.
- ĝis nun la plej longa teatraĵo daŭris 18 horojn kaj 5 minutojn.
- la plej larĝa akvofalo estas tiu de Mekongo (en Laoso). Ĝi havas 10,8 kilometrojn.

*Elizabeta Rajtmár*

# Kreu novajn vortojn

*aldonante unu literon en la interno de la donita vorto.*

(Ekzemploj: *poplo > pop**o**lo, koro > kor**b**o, sano > sa**ŭ**no*)

*Skribu la literojn laŭvice en la subajn kvadratetojn. La solvon sendu al s-ro Dieter Berndt: esperanto-berndt@web.de ĝis la 1a de novembro.*

| | | | |
|---|---|---|---|
| 1. framo | 6. seka | 11. placo | 16. Kubo |
| 2. gajno | 7. stelo | 12. konkuro | 17. litro |
| 3. arbo | 8. skalo | 13. lako | 18. suda |
| 4. polo | 9. patro | 14. pipo | 19. poŝo |
| 5. libro | 10. salo | 15. balto | 20. salto |

1 2 3 4 5 !

6 7 8 9 10 11 12 13 14 15 16 17 18 19 20

# La plej bona gardisto

**Afrik-kuba legendo**

Kiam Obatalá* rimarkis, ke kelkaj el ŝiaj kokinoj malaperis, ŝi vizitis la virkokon Osuno por peti lin veni al ŝia domo kaj atente gardi la kokinojn.

"Mi opinias, ke iu ŝtelas miajn kokinojn nokte. Bone malfermu viajn okulojn kaj kokeriku laŭte, se vi vidas ion strangan."

Tiu virkoko estis tre orgojla, kaj kiel ĉiam okazis, li ekkverelis kun Elegŭá**.

"Mi estas pli ruza ol vi. Ĉiuj scias tion."

"Kial vi diras tion?" ĝenite diris Elegŭá al la virkoko.

"Obatalá deziras, ke mi estu la respondeculo pri la gardado de ŝiaj kokinoj. Ne vi!"

"Ba, vi estas stulta virkoko, gardu bone tiujn kokinojn de Obatalá, ĉar se vi ne plenumos bone vian taskon, morgaŭ mi estos la gardisto!"

"Hahaha", ridis la koko.

La ŝtelisto troviĝis ne tre malproksime kaj aŭdis la interparoladon de Elegŭá kaj la virkoko. "Stulta koko. Oni vidos, ĉu dum la nokto mi akiros bongustan kokinon aŭ ne."

Tiu-nokte okazis, ke la ŝtelisto ĵetis kelkajn grajnojn de maizo sur la korton de la kokinejo de Obatalá.

"He! Kio estas tio? Ho, bongusta maizo!" diris la virkoko.

"Mi trompis lin, ĉar manĝinte tro da maizo li baldaŭ endormiĝos", pensis la ŝtelisto.

Kaj vere, la virkoko baldaŭ endormiĝis. La sekvan matenon, kiam Obatalá vekiĝis, ŝi riproĉis la virkokon pro ties konduto, kaj diris:

"Ĉu tion vi nomas bone gardi la kokinojn, dormema besto? Jam mi ne fidas vin."

Tiam Elegŭá decidis zorgi pri la aferoj.

"Ne maltrankviliĝu, Obatalá, mi estos gardisto dum la tuta nokto."

"Ba, li ankaŭ endormiĝos", pensis la virkoko.

Kiam vesperiĝis, Elegŭá komencis gardi la korton. Sed li trovis bongustan mangon sur la tero.

"Mangoj, kiom bongustaj ili estas!"

La ŝtelisto kaŝe, sed atente rigardis la scenon kaj pensis:

"Tiu ankaŭ endormiĝos, hahaha!"

Sed Elegŭá estis tre ruza. "Nun mi ne manĝas la mangojn, ĉar mi

povos endormiĝi. Mi manĝos ilin morgaŭ. Mi konservos ilin por morgaŭ. Sed mi ŝajnigas min dormanta. Kaj tiel mi povos trompi la ŝteliston."

"Nun estas mia ŝanco!" pensis la ŝtelisto.

En tiu momento, kiam la ŝtelisto estis prenanta la unuan kokinon, Elegŭá leviĝis kaj frapis lin per sia bastono.

"For! For de ĉi tie!"

"Mi ne plu faros tion! Aj, aj, aj!" ploris la ŝtelisto.

Laŭ la legendo, ekde tiu tago Elegŭá estas nomata la plej bona gardisto.

*Elhispanigita de Jozefo de Jesús Campos Pacheco, Kubo*



* *Obatalá* en la afrikkuba mitaro estas la mastrino de pensado, parolo kaj pureco.

** *Elegŭá* en la afrikkuba mitaro estas la gardisto de ĉiuj vojoj, kiu al ĉiu ajn povas fermi kaj malfermi vojon.

*grajno:* seka semo de frukto, panherbo / *kokeriki:* koke krii / *kvereli:* kolere diskuti / *legendo:* rakonto pri malnova okazintaĵo / *mango:* flava, oranĝa ovo- aŭ korforma frukto de tropika arbo / *orgojlo:* tro granda memŝato / *stulta:* malsaĝa

# JUNULARO AKTIVAS EN HANOJO, urbo de la Universala Kongreso (UK) en 2012

***S-ro Augusto Casquero de la Cruz, fama hispana esperantisto post kvar-jara instruado en Kantono, Ĉinio, nun troviĝas en Hanojo, Vjetnamio. Ĉu viaj impresoj estas pozitivaj?***

Dekomence mi ege surpriziĝis pro la alta nivelo de Esperanto ĉi tie. Multaj homoj entuziasme lernas nian lingvon, kaj ankoraŭ estas multaj kandidatoj, kiuj deziras lerni ĝin.

Momente mi instruas Esperanton al du grupoj de universitataj gestudentoj, al alia grupo kiu konsistas el edukistinoj de infan-ĝardeno, kie okazos la Infana Kongreseto, al du grupoj de miksitaj aĝoj, kaj tuj mi komencos instrui Esperanton al tria grupo de universitataj gestudentoj.

Ĉi tie mi spertis, ke homoj ne nur ŝatas lerni la lingvon, sed , diference de aliaj lokoj, ili havas Esperanton en la koro, ekde la komenco. Oni ne bezonas konvinki ilin. Ili entuziasme, kaj tre rapide lernas kaj volas tuj esti parto de la movado, helpi ĝin kaj kunlabori kiel volontuloj en la organizado de UK, kiu okazos en Hanojo en la jaro 2012.

Kaj, ankaŭ diference de aliaj mondo-partoj, ili ŝatas paroli Esperanton. Ili tute ne emas krokodili. Ĉiuj volas tuj komenci uzi la lingvon.

***Tio certe multe plifaciligas vian laboron kaj eĉ kortuŝas vin.***

Kompreneble, por mi tio estas granda plezuro. Kiam mi instruas Esperanton ĝenerale la gelernantoj diras al mi: "bonvolu iri malrapide". Sed ĉi tie okazas io alia. Ili diras: "rapide, rapide, ni devas fini la libron tuj". Granda plezuro estas instrui en ĉi tiuj kondiĉoj.

***Ĉu ankaŭ la maljunulojn karakterizas sama entuziasmo?***

Estas interesa fenomeno, ke vjetnamoj detruas pedagogiajn teoriojn, kiuj diras ke homoj post 50-jaraĝo ege malfacile lernas novan lingvon. Unu el la grupoj kiuj lernas kun mi konsistas el maljunuloj inter 65 kaj 93 jaroj. Ili estas ĝentilaj, tre entuziasmaj kaj diligentaj. Post mallonga tempo ili ĉiuj jam paroletas en Esperanto. Kompreneble, mi ne devas tion kaŝi, ili havas altan kulturan kaj profesian nivelon (armea kuracisto, kolonelo; universitataj profesoroj; inĝenieroj, ktp). Certe ili estos granda helpo en la organizado de UK.

***Revenu al la junularo. Kion diri pri ili?***

Ili estas mirindaj. Ili ne estas la estonteco de la movado, sed jam realaĵo. De ĉiuj junaj gelernantoj mi mem lernas multe. Ili rapidege lernas. Ĉiuj estas talentaj. Ĉiuj havas Esperanton en la koro. Laborante kun ili mia koro plijuniĝas. Kelkaj el ili jam multege laboris ĉi tie en la organizado de naciaj kaj internaciaj E-aranĝoj, kiel IJK, Tut-Azia Kongreso, Komuna Seminario. Ilia helpo estos ege valora por UK. En tio multe helpis Flama Floro kaj Belinda, entuziasmaj kaj kapablaj knabinoj.

Aparte mi volus mencii Raquel. Meze de januaro, okaze de la lerneja vintra feriado ŝi decidis partopreni rapidkurson en Ĉinio, en la urbo Kantono, sub la gvido de la usona profesoro Dennis Keefe. La rezulto estis mirinda, ne kredebla. La kurso daŭris unu monaton. (po ok horoj tage). En tiu tempo Raquel (ŝi havas hispanan nomon, ĉar ŝi estas studentino de la hispana lingvo, kiun ŝi perfekte parolas) akiris tre altan nivelon en Esperanto. Fakte kiam mi konatiĝis kun ŝi ĉiam ŝi parolis kun mi en la hispana lingvo, sed nun, kiam ni renkontiĝas, al ŝia buŝo venas nur Esperantaj frazoj. Baldaŭ ŝi komencos instrui Esperanton, kaj multege helpas en la organizado de la E-kursoj.

***Dankon pro via entuziasmo kaj ni deziras al vi pluajn sukcesojn.***

Akceptu du fotojn kiel memoraĵon. Sur la unua videblas de maldekstre: *Trang, Animo, Flama Floro* (prezidantino de la Vjetnama Esperanto-junularo), *Raquel* kaj *Majo*. Sur la alia vi vidas unu el la studentaj grupoj.





***Jen gejunuloj, kiujn vi certe renkontos venontjare en UK de Hanojo***

*impreso:* efiko sur la sensojn aŭ la psikon / *kandidato:* homo, kiu celas atingi ion / *krokodili:* paroli ne Esperante sed naci-lingve inter esperantistoj / *profesoro:* instruisto kun la plej alta grado en universitato aŭ alia supera lernejo / *talenta:* tre alt-kapabla / *teorio:* tutaĵo de bazaj scioj de iu scienco



Maldekstre: *Komuna foto kun s-ro Clay Magalhaes.* Dekstre: *Bela Maro, koro kaj animo de IIK kaj Augusto Casquero, la instruisto de Esperanto*

# IIK en Vjetnamio

En aprilo la konstanta kongresa sekretario de UEA (Universala Esperanto-Asocio), s-ro *Clay Magalhaes* vizitis Vjetnamion por informiĝi pri la preparlaboroj de UK (Universala Kongreso) 2012, kiu okazos en Hanojo.

Ene de tiu vizito, li volis koni la lokon, kie okazos la Internacia Infana Kongreseto (IIK). Li estis tre favore impresita kaj kortuŝita de tiu vizito.

Okaze de lia alveno, la infanoj kaj deĵorantoj de la infanĝardeno VSK, en du vicoj, tenante flagetojn de Esperanto kaj Vjetnamio, varme akceptis lin, dirante „Salutojn!". Tuj poste, okazis komuna fotado. Bela Maro, talenta esperantistino, la direktorino de VSK, animo kaj ĉeforganizanto de IIK, prezentis al s-ro Clay la infanĝardenon. Ĝi estas bela, moderna, bone ekipita, tre taŭga por la okazigo de tiu aranĝo.

Oni devas mencii, ke granda parto de la personaro de la infanĝardeno (edukistinoj, kuiristoj, geoficistoj) entuziasme lernas Esperanton, por pli bone helpi la infanojn. Nun ili lernas, kaj poste ili instruos Esperanton al la infanoj. Por IIK ili esperas akcepti infanojn el la tuta mondo. IIK-anoj certe estos dorlotitaj ĉi tie, kaj revenos hejmen feliĉaj pro la neforgesebla sperto travivita. Ĉiuj estos bonvenaj, kaj speciale la infanoj de la najbara lando, Ĉinio. Oni esperas, ke ili amase venos al Hanojo.

*Augusto Casquero de la Cruz*

***ekipi:*** aldoni ĉiujn necesajn ilojn kaj aĵojn / ***entuziasmo:*** ĝojiga agado / ***sekretario:*** ĉefa afergvidanto

# Divenu la bestojn laŭ iliaj ombroj !

– En la supra maldekstra angulo troviĝas ... *(a)*, – sub ĝi videblas ... *(b)*, – kaj sub la long-vostulo staras ... *(c)*, – sub ĝi, en la angulo sidas ... *(ĉ)*.
– Supre, dekstre de *(a)* kaj *(b)* troviĝas ... *(d)*.
– Sub ĝi staras ... *(e)*, – inter ĝiaj kruroj flug-pendas ... *(f)*
– kaj sub ĝi, malsupre vidiĝas ... *(g)*.
– Super la kapo de la long-kolulo flugas ... *(ĝ)*,
– antaŭ la long-kolulo, sur branĉo sidas ... *(h)*.
– Antaŭ la kapo de la long-kolulo troviĝas ... *(ĥ)*,
– sub ĝia vosto flugas ... *(i)*.
– Dekstre de la rond-kapulo staras ... *(j)*,
– sub ĝi ... *(ĵ)* kaj ... *(k)*.
– Supre en la dekstra angulo flugas ... *(l)*,
– sub ĝi sidas ... *(m)* kaj
– en la dekstra malsupra angulo staras ... *(n)*.



Solvoj sur paĝo 46.

*Monika Molnár*

**Se vi respektas la naturon, ne forgesu preni forĵetitan RUBAĴETON ĈIU-TAGE !**

***Dek sep kameloj*** *(paĝo 47) Kion proponis la kadio al la fratoj ?*
*Mi pruntis al vi unu kamelon. Provizore vi havas do 18 kamelojn. Laŭ la testamento la plej maljuna filo ricevas la duonon, t.e. 9 kamelojn, la meza filo ekhavos 6, la trionon de la heredaĵo, kaj la plej juna prenos en posedon 2 kamelojn, la naŭonon de la kamelaro. Kaj ĉar 9 + 6 + 2 faras 17, vi povas redoni mian pruntepprenitan kamelon. Ni ĉiuj estas kontentaj, ĉu ne?*
*(Komprenebl e matematike la kalkulado ne estas senerara, sed ĉi-kaze gravas ne la matematika precizeco, sed la truko, t.e. la majstreco de la solvo. Matematike ankaŭ la testamento estas absurda, ĉar duono, triono kaj naŭono donas nur 17/18-onon de la tuto, nedividebla inter la heredantoj.)*

NIA KULTURA HEREDAĴO

*En tiu ĉi rubriko vi trovas bildojn el la Esperanta literatura heredaĵo dank' al la plumo de nia fidela amiko, elstara islanda poeto, Baldur RAGNARSSON. Konsciu, ke sen bazaj scioj pri nia historio kaj literaturo oni ne povas fariĝi cel-konscia esperantisto, sukcesa pledanto por nia nobla ideo. (Red.)*

## 32 *Armand Su, ĉina Esperanto-poeto*

BILDOJ EL LA HISTORIO

Esperanto en Ĉinio havas preskaŭ kontinuan historion ekde la komenco de lasta jarcento, kvankam periode torditan pro militoj kaj politikaj cirkonstancoj. Ne estas loko ĉi tie por multe komenti pri tiu komplika historio, kiu havis kaj siajn lumajn kaj mallumajn periodojn.

Koncerne la sorton de la poeto, kiun mi nun mallonge prezentas al la legantoj, tamen necesas mencii la periodon de la t.n. Kultura Revolucio 1966-1976, kiam varba agado por Esperanto iĝis danĝera en Ĉinio pro suspekto pri reakcio kaj spionado.Tiam pluraj esperantistoj estis enkarcerigitaj pro iliaj kontaktoj kun eksterlando, paranoje konsiderataj minacaj al la socialismo. Inter ili estis la poeto *Armand Su*, arestita en 1968 pro liaj kontaktoj kun eksterlandaj Esperanto-revuoj. Li estis poste kondamnita al 20 jaroj de mallibereco, sed estis deklarita senkulpa kaj liberigita en 1979. Li mortis en 1990 post longa malsano, 54-jara.

Tra la historio de Esperanto en Ĉinio multaj literaturemaj esperantistoj okupis sin pri tradukado de ĉinaj verkoj, kie elstaras la noveloj de la granda verkisto *Lusin*. Tamen, ŝajne, malmultaj okupis sin per orginala verkado, specife pri poezio. En la *Esperanta Antologio, Poemoj 1887-1987*, nur du poetoj aperas, *Saint-Jules Zee* (Xú Shēngyuè) kaj *Armand Su* (Sū Chéngzōng). Lastatempe aperis la tria poeto, *Mao Zifu*, kies poemaro *Kantoj de Anteo* (2006) vekis grandan atenton inter esperantistaj poezi-legantoj.

*Armand Su* (sian pseŭdonimon li prenis el dramo de Alexandre Dumas, *fils*) naskiĝis en Pekino en 1936. Li ekkonis Esperanton en 1955 per lego de ĉinlingva traduko de la libro *Vivo de Zamenhof* de Edmond Privat kaj baldaŭ ekklernis la lingvon. Li komencis korespondadon kun la hungara

poeto kaj verkisto Julio Baghy kvar jarojn poste. Tio konvinkis lin, ke li fariĝu poeto en Esperanto.

Du fiaskintaj amaferoj afliktis la junan poeton en tiu tempo, kiuj rivelis al li la du kontraŭajn aspektojn de amo kiel temojn:

*per la nevenkebla magi-forto,*
*al vi, mia kara, mi promesas:*
*Mi eterne amos vin ĝis morto.*

Kaj

*Mi ŝin rigardis mute kaj ĉagrene,*
*en larmobril' pro ŝia am-konsolo.*
*Jam ŝi forglitis, ho ve, senrevene.*

Post malsukcesoj ĉe universitataj ekzamenoj Armand nun sin firme turnis al verkado en Esperanto, kaj originale kaj traduke. Liaj poemoj kaj tradukoj komencis aperi en diversaj Esperanto-revuoj en la mondo, li jam estis survoje al famiĝo kiel Esperanto-verkisto kaj en Ĉinio kaj eksterlande. Liaj temoj ŝanĝiĝis, li verkis pri la belaj pejzaĝoj de sia patrujo kaj ĝiaj antikvaj legendoj, inter ili eposojn, ekzemple laŭ la legendo pri *La Tria Fratino Liu*:

*En Ĝungian, vilaĝ' riverborda,*
*loĝis harmonie paro olda.*
*Ili teron plugis diligente,*
*vivis tre feliĉe kaj kontente.*
*Ili havis filon kaj filinon.*
*Jen naskita la tria - knabino ...*

kaj tiel plu tra 158 versoj.

La kolektita poemaro de Armand Su aperis en 1992 ĉe Ĉina Esperanto-Eldonejo en Pekino. Ĝi enhavas 178 poemojn. Forme lia poezio ne estas sub modernismaj influoj, liaj poemoj estas laŭmetrikaj kaj rimitaj. La poemoj estas aranĝitaj kronologie, kio prezentas kortuŝe lian vivon, ties drastajn kontrastojn, unuflanke liberon, amon, kontaktojn, aliflanke malliberon, izolon. La poemo, *Kuŝante sur la ĉerko*, verkita en 1967, la jaro antaŭ lia aresto kiel minaco al la socialismo pro sia internaciema esperantismo, esprimas lian tiaman staton kaj cirkonstancon, kiam la poeto vivis vagabonde, provante eviti la fatalon, kiu fine lin frapis:

*Oni pelas min de dom' al dom',*
*nun fariĝis mi senhejma besto.*
*Sen manĝaĵo kaj sen varma nesto,*
*vagabondas mi kvazaŭ fantom'.*

*Mi tranoktas sur malplena ĉerk',*
*super la kapo – la ĉiel' milstela.*
*Mi meditas en ĉi nokt' malhela*
*pri l' kanto cigna - mia lasta verk'.*

Antaŭe li estis verkinta pri sia ĉagreno pro la forrabo de lia skribmaŝino fare de la ruĝaj gvardianoj:

*Larmis mi dum nokta hor' amara.*
*Kiom longe tio min ĉagrenis.*

Tragika sorto, tragika tempo. Oni nur povas ĝoji, ke Esperanto nun denove bone vivas en Ĉinio, la patrujo de Armand Su, kiun li tiom amis.

*Baldur Ragnarsson*

---

*Nikolai Kurzens**

# AL LA SORTO

Ne donu al mi duon-ĝuon
kaj ne igu min vivi duone –
mia kanto jubilu plen-sone,
estu vivo, ne teda enu' !

Mi ne volas dum viv' sendecide
duondormi de horo al horo:
se jam morti, do morti, sen ploro,
sed se vivi, do vivi sen brid' !

** Fama latva E-poeto de la 20a jarcento, redaktoro kaj kunlaboranto de pluraj E-gazetoj.*

*brido:* haltigilo de ĉevalo / *jubili:* ĝoj-krii / *tedi:* ĝeni, malagrable impresi, efiki

**Solvo de „Divenu la bestojn laŭ ilia ombro!"** *(paĝo 43)*

(a) heliko
(b) muso
(c) kapro
(ĉ) sciuro
(d) anaso
(e) ĝirafo
(f) vespo
(g) fiŝo
(ĝ) vesperto
(h) strigo
(ĥ) kanguruo
(i) vesperto
(j) porko
(ĵ) rato
(k) heliko
(l) abelo
(m) hundo
(n) kato

**Trejnu la cerbon !**

# Dek sep kameloj



La kadio sciiĝis pri tio, ke tri fratoj kruele interkverelis pro la heredaĵo laŭ la patro. La kadio venigis al si la fratojn kaj severe riproĉis ilin.

– Ĉu vi ne hontas? Via bona, honesta patro ĵus estis enterigita kaj vi jam batas unu la alian pro la heredaĵo. Kial vi ne dividas ĝin kiel decas?

– Ĉar ĝi ne estas dividebla dece –, diris la plej maljuna el la fratoj. – La heredaĵo konsistas el 17 kameloj. Laŭ la lasta deziro de nia patro la duono de la heredaĵo apartenu al mi, la triono ekposedu mia pli juna frato, kaj la naŭonon ricevu mia plej juna frato. Sed ni ne povas interkonsenti. Kiel dividi 17 kamelojn? Ili estas nek duon-, nek trion-, nek naŭonigeblaj. Helpu al ni, saĝa kadio.

– Mi helpos –, diris la kadio.

– Dank' al Alaho ankaŭ mi havas kamelojn, kaj mi jam divenis la solvon. Jen mia propono.

*Laŭ la libro de E.Kun „Unuminutaj krim-rakontoj" E.Rajtmár*

*(Provu diveni lian solvon? Se vi ne sukcesos, vi trovos ĝin sur paĝo 43.)*

**Desegnaĵoj de *Pavel Rak* pri esperantismo kaj esperantistoj** (p.36)

*Ni scivolas, ĉu vi samopinias?*

1. Esperanto estas neŭtrala lingvo por la tuta mondo.
2. Turisto provas akiri informojn en pluraj naciaj lingvoj. La demandito, kiu komprenas neniun lingvon de la turisto, rekomendas Esperanton kiel taŭgan solvon.
3. Esperanto estas kiel lam-bastono. Ĝi helpas interkomunikiĝi, kiam la gepatra lingvo ne sufiĉas.
4. Bedaŭrinde Esperanto ankoraŭ ne estas vaste uzata, pro tio multaj ne vidas ĝian utilon.
5. Ĉe veraj esperantistoj la ideo de la internacia lingvo neforigeble nestas en la koro. Pluraj rigardas ilin kun admiro.

# KVIZO-LUDO

Prizorganto de la rubriko: *Dieter Berndt*, Germanio

*Karaj kvizemuloj,*

*jen ni prezentas al vi novajn taskojn por la kvizo. Mi esperas, ke vi denove bone amuziĝos respondante la demandojn.*

*Mi tre ĝojus, se partoprenus en la kvizoludo ankaŭ novaj kunludantoj. Mi deziras multajn sukcesojn!*

Dieter Berndt

## N-ro 2 (Limdato: 01-11-2011)

| | |
|---|---|
| 1 | Korektu la frazojn. *Estus necesa, ke multa infanoj lerni Esperanton. Ŝi kantas la plej bela de ni ĉiuj. La ringo estas farinte de oro.* |
| 2 | Skribu frazojn, en kiuj estas jenaj vortoj en preterito (is-tempo). *dormi, trovi, ludi, porti.* |
| 3 | Decidu, ĉu majuskle aŭ minuskle. *Oni aŭskultis E/esperantistojn, kiuj kantis E/esperantajn kantojn. Tiuj, kiuj lernis E/esperanton, parolis E/esperante, E/esperante ke multaj homoj sekvos ilin.* |
| 4 | En la nomoj de landoj kaŝas sin pronomoj. Kiuj? *Vjetnamio, Italio, Litovio, Rumanio.* (E.E. Popoviciu, RO) |
| 5 | Klarigu la diferencon inter *malvarma* kaj *nevarma; malbela* kaj *nebela*. |
| 6 | Decidu, ĉu *tre* aŭ *tro*. Li faris la laboron __ bone. Kiu __ rapide saltas, baldaŭ haltas. Hodiaŭ ne estas __ varme. __ da kuiristoj kaĉon difektas. |
| 7 | Vi bezonas 5 samajn literojn por nomi du bestojn. Unu estas ĉiam malseka, la alia ŝatas manĝi herbojn. PPAARRKKOO |
| 8 | Kie oni devas uzi la difinan artikolon *la* ? Respondu per jes aŭ ne. a) antaŭ dato; b) antaŭ landnomoj; c) antaŭ mallongigoj; ĉ) antaŭ *plej* plus *adjektivo*; d) antaŭ ĉiuj substantivoj. |
| 9 | Kun ***r*** ĝi kvakas ĉe la lago, kun ***p*** manĝaĵ' por ĉiu tago. |
| 10 | Aldonu mankantajn vortojn. *Ju pli da kapoj, des pli da __. Ju pli frue, des pli __. Ju pli __, des pli saĝa. Ju cerbo pli prudenta, des lango pli __.* |

La solvojn sendu rete aŭ papere al s-ro *Dieter Berndt* ( *esperanto-berndt@web.de* / Berolinastr. 2, DE-10178 Berlino, Germanio ). Se vi havas demandojn, turnu vin al li, kiu volonte informas pri detaloj.

### *SOLVO de la antaŭa n-ro (aprilo 2011)*

**1**. Diversaj. **2**. dolĉa kiel *mielo,* acida kiel *citrono,* amara kiel *galo* **3**. Diversaj. **4**. kapro, kamelo, krokodilo, kato, kuniklo... **5**. Diversaj. **6**. hieraŭ, filo, forgesi, kosti **7**. Ekzemple: lano, falto, telefona **8**. dokt**oro** , dol**oro** **9**. *Reveninte* hejmen mi ripozis. *Kuŝante* en la lito mi legis libron. La tria frazo ne estas aliformebla. **10**. Diversaj.

## Rezultoj de la kvizo 1/2011

**Ni elkore dankas kaj gratulas ĉiun konkursanton!**

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| 1. | *Lila Loisse* | BE | 20 | poentoj |
| 2. | *Jindriska Drahotova* | CZ | 18 | poentoj |
| | *Blanka Huzerova* | CZ | 18 | poentoj |
| | *E.E. Popoviciu* | RO | 18 | poentoj |
| 5. | *Maria Molnar* | HU | 17 | poentoj |
| 6. | *Monika Pickova* | CZ | 16 | poentoj |

# Ni uzu Esperanton pere de la Reto

*Jasuo Kiryu, Japanio*

**Interreto** aŭ simple **Reto** realigis Esperanton vere uzebla kaj uzinda tra la mondo. Rete, ni povas akiri diversajn informojn kaj facile, rapide komunikadi kun samideanoj de la tuta mondo. Oni povas trovi multajn Esperantajn retejojn aŭ blogojn. Jen estas kelkaj ekzemploj por utiligi la Reton.

1. **Lerni Esperanton**
   - Por lerni Esperanton, jen estas fama retejo, **Lernu!**: *<http://eo.lernu.net/>*
   - Por serĉi vortojn, **Reta vortaro**: *http://reta-vortaro.de/revo/*; **Vikivort-aro**: *<http./eo.wiktionary.org/wiki/>/*
   - Por lerni la gramatikon, **Plena Manlibro de Esperanta Gramatiko**: *<http.//bertilow.com/pmeg/>*

2. **Konsulti enciklopedion**
   Vikipedio Esperanta nun enhavas pli ol 140 000 artikolojn.
   - **Vikipedio**: *<http://eo.wikipedia.org/>*

3. **Legi librojn kaj gazetojn**
   Esperantaj libroj kaj gazetoj elektronikaj troviĝas ĉi tie.
   - **Project Gutenberg**: *<http://www.gutenberg.org/browse/languages/eo>*
   - **La Esperanta Gazetejo**: *<http://www.gazetejo.org/>*

4. **Aŭskulti radion kaj rigardi televidon**
   Jen estas ekzemploj de radio aŭ podkasto *(podcast)* kaj televido.
   • **Radio Verda**: *<http://radioverda.com/>*
   • **Bjalistoka Esperanto-Televido**:
   *<http://www.tvbialystok.pl/tvesperanto/>*
   Oni povas trovi multajn Esperantajn videojn en *You Tube*. Serĉu la vorton „Esperanto"
   • **You Tube**: *<http.//www.youtube.com/>*
5. **Skajpo, reta telefono**
   Multaj esperantistoj interparolas per reta telefono, skajpo *(skype)*.
   • **Skajpo**: *<http://www.skype.com/>*
6. **Legi novaĵojn**
   • **La plej konata**: *<http://www.edukado.net>*. Pri E-aranĝaĵoj informas: *< http://www.uea.org/>* kaj *< http://www.eszperanto.hu>*
   • **El orienta vidpunkto**: *<http://esperanto.cri.cn/>*
   • **El okcidenta vidpunkto**: *<http://eo.mondediplo.com/>*




Dumonata socikultura revuo de TEJO
(Tutmonda Esperantista Junulara Organizo)
Legata en ĉirkaŭ 90 landoj.
TTT-paĝo: *http://kontakto.tejo.org.*
Redakcio: kontakto@tejo.org.

**Eldonanto** de JUNA AMIKO: ILEI (jura sidejo: CO de UEA, Roterdamo, Nederlando). **Redaktoroj**: *Géza Kurucz* (Hitel u. 10. fsz.16, HU-6000 Kecskemét, Hungario, *geza@banyai-kkt.sulinet.hu*), *Juliana Vas-Szegedi* (Hungario, *vasszegedi@gmail.com* ), *Stefan MacGill* (Pannónia u.30.I.6, HU-1136 Budapest, Hungario, *stefan.macgill@gmail.com*) **Lingva revizianto**: *Baldur Ragnarsson* (Islando). **Kunlaborantoj**: *s-ino Saliko, Anja Karkiainen, Vesa Pölkki* (Finnlando), *Elena Nadikova* (Rusio), *Neringa Zasaite* (Litovio), *Jean Monique Noël* (Francio), *Jadranka Mirič* (Serbio), *s-ino Saranath* (Hindio), *Dieter Berndt* (Germanio), *Evandro de Freitas* (Brazilo), *Elizabeta Rajtmár, Zoltán Kurucz, Monika Molnár, Judit Felszeghy, Hajnal kaj Karina MacGill* (Hungario), *Marija Belošević* (Kroatio), *Michel Nkwirikiye* (Tanzanio), *Eugenia-Ecaterina Popoviciu* (Rumanio), *José J.Campos Pacheco* (Kubo), *Jasuo Hori* (Japanio), *Gian Piero Savio* (Israelo), *Nguyen Thi Ngoc Lan* (Vjetnamio), *Małgosia Komarnicka* (Pollando). **Grafikistoj**: *Pavel Rak* (Ĉeĥio), *Monika Molnár* (Hungario). **Komputila kolora tekniko**: *János Bakk* (Hungario)
Presita en Budapeŝto, Hungario
**Administranto**: *Sebastian Cyprych* <sebacyp@jabster.pl>
**ISSN 0230 1318**
**La sekva numero aperos en decembro**

# MALNOVAJ METIOJ 5

*Serio de Pavel Rak*

selfaristo



**Sidi sur ĉevalo sen selo estis dolore. Iom pli komforte estis uzi selon. Eĉ tiel sidi tutan tagon sur ĉevalo, kiu galopis, estis lacige. Ĉu vi povus fari tion?**

sorĉistino



**En ĉiu vilaĝo estis almenaŭ unu klera maljunulino, kiu scipovis sanigi etajn malsanojn kaj siaj medikantoj kreskis ne malproksime, apud vojoj aŭ en ĝardenoj.**

# Desegnu la parkon

Danny Daniel Perera Gutiérrez (bildoj)
Jozefo de Jesús Campos Pacheco (teksto laŭ)

Miriam Rodríquez Hernández

Monda Asembleo Socia (MAS)

**Karaj infanoj,
la bildoj en tiu ĉi libro
atendas viajn
kolorajn krajonojn!**

ISBN 978-2-918300-23-6
Prezo: 4,00 eŭroj